


# Etnismo

N-RO 25 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 07.11.80



Dum en Eŭropo vaskoj kaj bretonoj same kiel dekoj da aliaj etnoj - absolute prave - batalas por akiri politikan aŭtonomecon aŭ suverenecon, en norda kaj suda Ameriko temas pri unuavica protekto de la etnaj lingvoj kaj kulturoj, sen neglekti la socialajn kaj ekonomiajn aspektojn.
En diversaj ŝtatoj eklezioj bonfaris, sed ja ekzistas aro da negativegaj ekzemploj: Ni publicas ĉi-foje la lastan parton pri la "kristana" sklavigado de paragvajaj indianoj.
Ĉi-apude vidatas kunlaboranto de la redakcio de la revuo "CHICHAM", de la ŝuaroj en Ekvadoro. Krom la lastatempe reformita kaj nun sufiĉe bonfartiga agado de salesanaj misiistoj aktivas en Ekvadoro ankaŭ la agentoj de la Somera Instituto de Lingvistiko, filio de la Wycliffe-Biblio-Tradukistoj, celanta asimiladon de la indianoj ... (paĝoj 3 - 6)

Jen unu el la malmultaj pozitivaj momentoj de la kunveno de la **ASOCIO INTERNACIA POR LA DEFENDO DE LA MINACATAJ LINGVOJ KAJ KULTUROJ:** Yvo Peeters (Flandrio) prelegas pri "La Eŭropaj Instituciej rigarde al la postuloj de la etnaj kaj lingvaj minoritatoj". (Apud Peeters sidas, maldekstre en la foto, Marcel Texier, la malnova kaj rea ĝenerala sekretario, kaj dekstre, Joan Triadú, la prezidinto.) La resto de la kunveno apenaŭ valoris ĉeeston. (Paĝoj 1o/11)



C e t e r e, tiu ĉi numero enhavas jenon:



Ĉu sufiĉetas?

# KONCIZE EL.....

BUDYŜIN. Kiel informas "Domowina", la integriga organizo de ĉiuj sorabaj kulturaj asocioj, la nombro de lernejoj instruantaj per la soraba respektive proponantaj kursojn pri tiu ĉi okcident-slava lingvo timige m a l k r e s k a s ! Kiam mortis la unua ŝtatprezidento de Germana Demokratia Respubliko, Wilhelm Pieck, en 1960, ankoraŭ funkciis 121 tiaj lernejoj; en 1974 restis almenaŭ 90, en 1975 nur 70, kaj la nombro falis en ĉi tiu jaro ĝis 60. Tiu ĉi oniĝo certe indikas ke la soraba etno perdadas sian identecon malgraŭ la - almenaŭ ŝajnaj - klopodoj de la GDR-registaro modele protekti kaj subteni "sian" etnan minoritaton. Ĉu havas sencon ankoraŭ nun mencii la nombron de 100.000 soraboj? Espereble ankoraŭ verŝajnas la duono! Soraba pastro deklaris en Budyŝin (germane: Bautzen) ke tiu pri-soraba politiko estas nura propaganda afiŝo: La komunista reĝimo penas kompensi la rifuzon de etna memdecido per aktivigo de folkloro. Tiu pastro juĝas ke la reĝimuloj ankoraŭ ne pardonis al la soraboj ties simpation por Aleksandro Dubĉek kaj lia "socialismo kun homaj trajtoj". - Eĉ la "Domowina"-oficialuloj ne kaŝas sian malkontenton pri la fortranĉo radikala de la radioprogramo sorablingva: En 1948 ekzistas kompleta sorablingva radioprogramo, en la jaro 1974 aŭdeblis ankoraŭ kvin horoj da sorabaj eroj, kaj nun vegetas programo de du horoj kaj duona!

VENECIO. Dum aperis la unua volumo de Gramatiko de la Veneta Lingvo (tradukita al la itala), fare de la Veneta Filologia Societo (Via Onso Partecipazio, 1, LIDO DI VENEZIA, Italio), dum la 2-a numero de la revuo "etnie" (junio 1980) laŭdas tiun libron kiel "iniciaton de altega kultura valoro", la reprezentantoj de tiu sama Veneta Filologia Societo baraktas kontraŭ iuj obskuraj principoj de la Asocio Internacia por la Defendo de la Minacataj Lingvoj kaj Kulturoj (AIDMLK): La veneta delegaci-estro Franko Roketa submetis al la AIDMLK-kunveno en Bailleul rezoluci-projekton kies enhavo esenca estis jena: konstato pri la senefikeco de la Regiona Statuto, akuzo pri la malrespektado de la veneta etno-identeco kaj postulo de instruado pri kaj per la veneta lingvo sur ĉiuj edukaj niveloj; simile kiel dum la kunsido du-taga de la Federacia Konsilantaro de AIDMLK, pasint-decembre en Turin/Torino, ankaŭ nun en Bailleul oni rifuzegis eĉ nur diskuti pri la enhavo de tiu rezoluci-projekto ĈAR NE DECAS REZOLUCII PRI UNU SOLA ETNO DE CERTA ŜTATO, SE NE SAMTEMPE ONI FARAS TIAJN TEKSTOJN PRI ĈIUJ ALIAJ !!! Kiun sencon havas ĝenerale akuzi iun registaron pro miso? Necesas tre detala prezento de konkreta kazo por ĝin povi sekvi surloke!

PAU. En tiu ĉi departamenta ĉefurbo (Atlantikaj Pireneoj) oni malfermis komence de 1980 la unuan infanvartejon okcitanlingvan. Tiu ĉi "Calandreta" laboras laŭ la Freinet-metodo kaj klopodas planti en la infanojn fortikajn radikojn de la okcitana kulturo. La infanoj frekventantaj tiun infanvartejon estas inter 2- kaj 6-jaraj. Meze de septembro 1980 oni planis malfermi duan "Calandreta"-n en Béziers.

PARIZO. Per cirkulero n-ro 1.619 de la 10-a de aŭgusto 1979, la franca ministro pri trafiko komunikis al la departamentestroj kaj aliaj altaj funkciuloj ke ne estas permeseble skribi la lok-nomon sur la apud-ŝoseaj tabuloj krom en la franca ankaŭ en la respektiva regiona lingvo. Ministro Joël le Theule tiel argumentis bazante sin sur la Internacia Konvencio pri Strattrafikaj Signoj, de Vieno. Tamen, tiu konvencio allasas enskribon en unu aŭ du naciaj lingvoj. Evidente, Francio batalas kontraŭ la agnosko de bretona, vaska, okcitana kaj kvar pliaj NACIOJ interne de la franca ŝtato. Tiu lukto ne povas nuligi la fakton ke la kataluna, germana, nederlanda kaj itala estas naciaj lingvoj ...

STRASBURGO. "Cercle René Schickele / René Schickele-Kreis" (31, rue Oberlin, F-67000 Strasbourg) eldonas stencilitan pres-bultenon kies artikoletoj estas franc- kaj germanlingvaj kaj ... interesaj. Spertu mem!

# ŜUARAJ INDIANOJ EN EKVADORO KAJ ILIA FEDERACIO

En la suda parto de la amazonia regiono de Ekvadoro granda praloĝanta grupo organiziĝis en federacio, kiu dum la lastaj 15 jaroj kreskis kaj kvante kaj kvalite. Temas pri ŝuaroj ("Jívaros" laŭ la kastililingva diskriminacia nomo kiun uzas blankuloj kaj koloniigantoj en tiu regiono).

Ŝuaraj indianoj loĝas la sudan orienton de ekvadora Amazonio. Kune kun siaj najbaroj, la aŝuaroj loĝantaj en teritorio inter Ekvadoro kaj Peruo, kaj kun hŭambizoj kaj agŭarunoj loĝantaj en Peruo, ili konsistigas la lingvan familion nomatan, fare de antropologiistoj kaj lingvistoj, "Jívaro".



Ŝuaro indikas la teritorion kiu apartenis al lia popolo antaŭ ol alvenis la blankaj koloniistoj. (Foto: Münzel, "pogrom" 74/75)

La nuna ekzisto de praloĝanto-federacio ne estas hazarda aŭ senrilata al longa luktotradicio. Ŝuaroj ekhavis unuajn kontaktojn kun hispanoj en 155o-a. De tiu momento la kontaktohistorio estis markata per sinsekvo de ribeloj kaj atakoj far la indianoj kontraŭ ĉiu klopodo okupi la landon, kie ili vivis kaj vivas. Dum longa periodo kontaktoj inter ŝuaroj kaj la anda regiono restis minimumaj kaj ĝis la dua duono de la pasinta jarcento ne komenciĝis vera okupado kaj koloniigado de la ŝuara lando.

Enpenetro de koloniigantoj el la anda regiono de Ekvadoro kuniris kaj postiris lo fondon de religiaj misiejoj salesanaj kaj franciskanaj ekde la lastaj jaroj de la pasinta jarcento. Dum jardekoj, ĝis la 3o-aj jaroj, ili ne sukcesis trarompi la aktivan kaj malaktivan reziston de ŝuaroj.Iĝis fama la diro de la misia episkopo, monsinjoro Komin, kiu, en 1922-a post 28 jaroj de misia agado fare de salesanoj, respondis al informpeto de la papo Benedikto 15-a pri la stato de la misio inter ŝuaroj: "Sankta moŝto, ŝajnas ke ni akvumas velkintan foston."

Kelkajn jarojn post ĉi tiu fama respondo oni enkondukis en la misiejon la sistemon de "enloĝa lernejo" (tio estas: lernejo kun internulejo). Ĉi tiu estis la decida ilo por venki la ŝuaran reziston.

En salesana publikaĵo de la jaro 1969-a oni povas legi: "Oni ne scias kion pli admiri: ĉu la sindonemon, la paciencon kaj la sinten-taktikon de la heroldoj de Kristo, ĉu la doloran disiĝon de la etaj indiĝenoj de siaj enradikiĝintaj moroj, de la arbaro-ĉarmo kaj, pleje, de sia absoluta kaj neperfortebla libereco. Tamen vere ili alformiĝadis je tiu nova vivo, kiu devas igi ilin kleraj kaj valoraj uloj pere de studado de la vera religio, de

literaturo, de scienco, de profesiaj kaj agrikulturaj labormetodoj kaj de ĉio kio generas la homan personecon."

La periodo kun pleja disvastiĝo de enloĝaj lernejoj estis tiu de la 5o-aj kaj 6o-aj jaroj. En enloĝaj lernejoj en tiuj jaroj oni eĉ malpermesis la uzadon de la gepatra lingvo inter la ŝŭaraj infanoj. La infano kiu estis malkovrita dum parolo en la ŝŭara, devis submetiĝi en kelkaj enloĝaj lernejoj je publika puno celanta ridindigi lin antaŭ liaj kamaradoj.

Sed jam komence de la 6o-aj jaroj oni ekhavis grandajn ŝanĝiĝojn en la misia medio. Kelkaj misiistoj komprenis ke la problemo de la ŝŭaraj teroj estas pli kaj pli serioza pro plia enpenetro en la ŝŭaran landon de ĉiam pli multnombraj grupoj da kamparanoj kaj malriĉaj bienetestroj el la anda regiono. La plej klarvidaj misiistoj komprenis ke jam venis la tempo por "krei" lokajn gvidantojn inter la ŝŭaroj kiuj estis lernintaj en la enloĝaj lernejoj.

Komence de la 6o-aj jaroj en la provinco Morona-Santjago (Amazonio ekvadora) vivis proksimume 22.ooo ŝŭaroj.

Dum septembro 1961-a oni realigis unuan kurson por ŝŭaraj gvidantoj, aranĝitan de la salesana misiejo en Sukua. Tiu-okaze oni prilaboris statutmodelon por ŝŭaraj "centroj". Ĉi tiuj centroj estis loĝlokoj okupataj de familioj, kiuj pro iu kialo estis forlasintaj la tradician loĝmanieron, laŭ kiu ekzistis nur disaj unuopaj loĝejoj, en kiuj vivis du aŭ pli da familioj. Nun tiuj familioj estis formintaj kernojn de relative apudaj loĝejoj kiuj foje konsistigis veran vilaĝon.

La unua asocio de "centroj" estis tiu de Sukua, en la valo de la rivero Upano, flankrivero de la Santjago-rivero. Ĉi tiun unuan asocion sekvis aliaj, ĉiuj pli-malpli proksimaj je salesanaj misiejoj en Limoni, Mendez, Bomboiza, Ĉigŭaza, Sevilja, Jaŭpi. La asocioj de "centroj" estis laŭleĝe agnoskitaj fare de la ekvadora registaro kaj en januaro 1964-a 52 lokaj delegitoj (tiom estis la "centroj") kunvenis en Sukua kaj decidis fondi la Provincan Federacion de Ŝŭaraj Centroj. La unua elektita prezidanto estis Migel Tankamaŝ (Miguel Tankamash), ŝŭara gvidanto reelektita prezidanto de la Federacio antaŭ du jaroj, kiu sendube konsiderindas "historia" gvidanto de la federacio kaj iusence de ĉiuj ŝŭaroj. Nun ekzistas 154 centroj aliĝintaj al 13 asocioj kun entute pli ol 2o.ooo membroj.

Kiam oni organizas ŝŭaran centron, surbaze de famili-aro loĝanta en la sama loko, tiu centro pere de la Federacio petas la Ministerion pri Socia Bonfarto en Kito pri aprobo de la propra statuto. En ĉiu centro oni elektas unu urbestron, unu vic-urbestron, unu sekretarion kaj du respondeculojn pri komunumaj aferoj. La asocioj de centroj elektas unu prezidanton, unu sekretarion, unu kasiston kaj unu skabenon. La postenoj en la Federacio, kiu kunigas ĉiujn asociojn, estas: prezidanto, vic-prezidanto, estraranoj pri grundo kaj koloniigo, edukado, kooperativoj, iloj por socia komunikado kaj sano. Oni elektas ankaŭ plurajn skabenojn inter kiuj kelkaj estas ne-ŝŭaroj kaj du estas salesanaj misistoj.

La Federacio laboris kun atentindaj rezultoj en pluraj kampoj.

Ekde 1968-a oni starigis radian dissendilon, kiu estas esenca por la ideologia kaj socia agado de la Federacio en amazonia regiono aparte malfacila rilate komunikadon, ĉar eĉ riveroj ne estas utiligeblaj por boatado. Komence la dissendilo funkciis per potenco de 1 kiloŭato. Nun ĝi disponas pri du dissendiloj kun potenco de po 5 kiloŭatoj. Ekde la komenco ŝŭaroj utiligis la radiostacion starigitan en Sukua por dissendi mesaĝojn, diversspecajn anoncojn kun socia enhavo, kiuj parte anstataŭigis la tradician sistemon de informado bazitan sur vizitoj postulantaj longajn vojaĝojn.

La Federacio mem estas loko por politikaj debatoj, kiuj iusence estas tradiciaj inter ŝŭaroj, kiuj estas ekstreme diplomatia popolo kiu alte taksas

parolon kaj taŭgan politikan uzon de ĝi.

En la jaro 1969-a la koloniigantoj en la regiono Sukua bruligis la sidejon de la Federacio, sed la radia dissendilo jam estis en alia sidejo kaj ĝi pludissendis. Post malmultaj horoj Sukua estis ĉirkaŭita fare de centoj da armitaj ŝuaroj kiuj montris sian politikan organizecon kaj sian volon pluiri laŭ la vojo de la defendo de sia lando.

En 1973-a la Federacia Radio estis ekuzita por reto de Radiaj Lernejoj kiuj estis oficiale agnoskitaj sekve de interkonsento kun la Eduk-Ministerio.



Junaj ŝuaraj indianoj
(Foto: Roßbach, "pogrom" 74/75)

En 1972-a ĉiuj ŝuaraj lernantoj en misiaj lernejoj, en ŝtataj lernejoj kaj en la lernejoj de "Summer Institute of Linguistics" (Somera Instituto de Lingvistiko) kaj de la evangeliaj misiistoj estis 3.28o. En 1975-a estis 4.242 ŝuaraj lernantoj el kiuj 47 % (2.o23) estis jam lernantoj de la Radiaj Lernejoj. Nun la Radiaj Lernejoj ampleksas la klasojn de la 1-a ĝis la 6-a de la baz-lernejo kaj baldaŭ ili okupiĝos ankaŭ pri mezgrada lernejo kaj pri gimnazio. Preskaŭ 3oo ŝuaraj instruistoj laboras en la "centroj" kiel "tele-helpantoj". Ilia tasko estas kompletigo, per klarigoj, rekta helpo kaj lernometodoj por apliki kaj efektivigi la edukprogramojn pretigitajn kaj dissendatajn el Sukua fare de teamo de ŝuaraj instruistoj.

La edukado estas dulingva kaj dukultura. En Sukua laboras pluraj teĥnikistoj kaj instruistoj. Rilate la teĥnikan flankon la Federacio ricevis helpon de fremdaj volontuloj, sed laŭgrade ŝuaroj estas ekprenantaj la tutan kontrolon de la radio ankaŭ rilate teĥnikon.

La ĉefa problemo, ĉiukaze, restas tiu de la kultivebla grundo. La Federacio antaŭmetis al si kiel prioritatan celon la leĝan agnoskon de la grundo okupata kaj utiligata fare de ŝuaroj. En ekvadora Amazonio kompetentas la Instituto Ekvadora por Agrara Reformo kaj Koloniigo (IERAK). La gvidantoj de la Federacio elektis la vojon de kolektiva deklaro pri proprieto de tero, kaj tio estis, kompreneble, politika decido. Eksterlandaj volontuloj pretigis la topografiajn mapojn de preskaŭ ĉiuj lokoj okupataj fare de indianoj. Dum la 1o-a ĝenerala asembleo de la Federacio, en januaro 1973-a, oni decidis:

"1-e Plukonservi la areon kiun nun ŝuaroj posedas kaj ne efektivigi la diserigon de tiu areo;
2-e Postuli ĉe IERAK transdonon de propriet-atestoj al ŝuaraj centroj en formo kolektiva;
3-e Postuli ĉe IERAK asignon de grund-areo al la Federacio kiel rezervo por ties programoj kaj kiel nova koloniigo-regiono;
4-e Postuli ĉesigon de koloniigo-projektoj ... en la regiono nun okupata fare de ŝuaroj."

(La lasta punkto rilatas al koloniigo-projektoj pristuditaj sur geografiaj mapoj en Kito, kiuj tute malatentis la ĉeeston de indianoj en la elektitaj areoj!)

La rezultoj de la politiko de la Federacio estas jam evidentaj: En la jaro

1975-a, 35 centroj disponis jam pri leĝa akcepto de la propra proprieto sur difinitaj areoj de entute 95.7o4 hektaroj. Aliaj 35 centroj estis atendantaj siajn kolektivajn proprieto-atestojn. Meznombre oni leĝe atestis la proprieton de 77,3o hektaroj por ĉiu familio.

En la sektoro de la publika sano la Federacio aktivis kaj aktivas per la helpo de volontuloj kaj monaĥinoj. Infana mort-ofteco malpliiĝis kaj ĝenerale ŝuaroj multe plinombriĝas.

Ekzistas aliaj agad-programoj tre gravaj kiel ekzemple la "civitana registrado", kies celo estas unuecigi la ŝuarajn nomojn. Efektive aŭ pro nescio aŭ pro malbonvolo de la oficistoj de la regiona civitana registro la nomoj estis skribitaj en la plej malsamaj manieroj kun malbonaj sekvoj en leĝaj aferoj. La Federacio prilaboris oficialan liston de ŝuaraj nomoj por reguligi la situacion kaj eviti leĝajn "miskomprenojn" kiuj jam malfavoris la indianojn. Ŝuaraj nomoj nun konsistas el okcidenta ("kristana") nomo plus ŝuara nomo, kutime tiu de la patro aŭ de la avo, kiu nun ekprenas la funkcion de familia nomo.

La Federacio jam aperigis multajn libretojn en la ŝuara kaj en la kastilia por uzado en la Radiaj Lernejoj. Oni aperigas ankaŭ gazeton ne periodan, informan kaj dulingvan, kiu estas ĝiu inform-organo de la Federacio. Ĝia nomo estas "Chicham" (prononcu: ĉiĉam, t.e. "vorto, novaĵo"). Ekzistas ankaŭ Centro de Dokumentado, Esploro kaj Publikaĵoj, "Mundo Shuar", kies sidejo estas en Sukua. Ĝi jam aperigis pli ol 5o librojn en sep serioj kies titoloj estas: Remalkovro de nia mondo, Esploroj pri ŝanĝiĝanta mondo, Metiista laboro, Lingvaj helpiloj, Etnohistorio, Mitologio, Kantoj. Ĉi tiuj kolektoj jam liveras grandan amason da informoj pri la tradicia kulturo kaj pri la nuna situacio de ŝuaroj. Pri neniu alia amazonia indiana grupo ekzistas hodiaŭ tiom da informoj.

La membroj de la Federacio pagas tre malgrandan monatan kotizon, egalvaloran je 5o (dolar-)cendoj.

Ekvadora instanco, la "Fundación Ecuadoriana de Desarrollo" (Ekvadora Evolu-Fondaĵo), finance kontribuis dum pluraj etapoj de la organiziĝo de la Federacio. Ankaŭ la FRG-a organizaĵo "Deutsche Welthungerhilfe" (Germana Helpo kontraŭ la Tutmonda Malsato) finance helpis. La salesana misio daŭre kontribuis por ekonomie pluvivigi la Federacion per ĉiuspeca helpo. Aliaj organizaĵoj subtenis per volontuloj, maŝinoj kaj mono. La organizaĵo "Adveniat" donis elektran generatoron; itala organizaĵo donis maŝinojn por segejo, kiu nun iĝis la "Industria Maderera Oriental Shuar" (Orienta Ŝuara Ligno-Industrio).

Sendube ŝuaroj estis kaj estas ankoraŭ nun tre diplomatiaj pri la rilatoj kiujn ili tenas kun privataj instancoj kaj kun la ekvadora registaro. Dum la lastaj jaroj, por teni la gravajn kontaktojn en pli efika maniero, la Federacio malfermis oficejon en Kito kie laboras reprezentanto de la Federacio mem.

Unu el la fundamentaj punktoj de la agado de la Federacio estis la laŭgrada forigo de la bildo de la malgranda submetiĝanta indiano, la "jivarito" (ŝuareto), pri kiu siatempe parolis misiistoj. Oni anstataŭigis tiun bildon per bildo de moderna ŝuaro kiu estas parte la rezulto de agado celanta identec-rekonstruon.

Maljunaj blankaj koloniigantoj diris al mi antaŭ iom da tempo: "Ni ne plu rekonas ĉi tiujn ŝuaretojn. Iam ili deziris labori por ni, nun ili ne plu deziras."

Maŭricjo Njere (Maurizio Gnerre),
Universitato de Campinas

Tradukis: Renato Korseti

# ĈU PLATDIĈA EKKONSCIO ?



Fine de aŭgusto 198o la FRG-gazetaro raportis ke la kompetenta aŭtoritato rifuzis doni veturig-licencon al 4o-jara kamparano el la orientfrisa distrikto de Leer (apud la nederlanda limo. Kial tia rifuzo? Laŭdire psikiatra ekzameno rezultigis la konstaton ke la pretendanto ne kapablus konduki aŭton, ĉar ..... li parolas nur la platdiĉan! Nu, la kandidato serĉis advokaton kiu scipovas ankaŭ la platdiĉan lingvon kaj ekprocesis antaŭ la tribunalo pri administraciaj aferoj. Tiu ĉi tribunalo faris jam unuan konkludon tre pozitivan por la diskriminaciato: Evidente li plej perfekte scipovas paroli logike kaj kuntekste, kvankam nur platdiĉe! La decido de la tribunalo estis provizora: Oni serĉu unue psikiatron kapablan paroli kun la aspiranto en la platdiĉa lingvo.

La afero estas interesa el du vidpunktoj: Unue, ŝajnas ke temas pri la unua kazo de proceso kontraŭ ŝtata aŭtoritato pro la rifuzo paroli la norm-germanan lingvon en FRG. Due, la gazetaro, ekzemple la tre serioza "Frankfurter Allgemeine Zeitung", neniel miksis mokan tonon en la raportadon.(Tio ne malhavas gravecon, ĉar en FRG ankoraŭ konstateblas altgrada ridemo pri ĉio kio rilatas Orientfrislandon.)

Ĉu la mozaiko de faktetoj - platdiĉaj radioinformoj dufojaj ĉiusemajne, jenkaj-jena utiligo de tiu ĉi lingvo en la diversaj parlamentoj, aro da vesperlernejaj kursoj, vigla libroeldonado, platdiĉaj diskoj modernstilaj kaj pliaj eroj, krom la incidento de Leer - permesas konkludi ke iom post iom, per la proverbeca malrapideco de la platdiĉoj, vekiĝas konscio pri platdiĉa identeco? Supozeble indas sekvi la evoluon, kion ETNISMO klopodos fari por vi.




Jen la sidejo de la INSTITUTO POR LA PLATDIĈA LINGVO (IPL) en Bremeno (FRG). La surmura teksto diras: "Nian platdiĉan konservu por ni tiu ĉi malnova Snoor-domo."

## Novaĵoj el la IPL

La membroj de IPL estis supozeble agrable surprizitaj kiam ili ĉi-oktobre ricevis cirkuleron el Bremeno en la platdiĉa, ĉar ĝis nun la plej multobligitaĵoj estis norm-germanaj. Kion raportas la gvidantoj? Ke julie IPL ekokupis plian domon en la sama, tipa kvartalo "Snoor", kio - el spaca vidpunkto - ebligas dungon de plia oficisto, sed ankoraŭ mankas la financaj rimedoj. La koncernataj registaroj jam promesis helpon, sed ne jam disponebligis la konkretajn sumojn. Ke prosperas la lego-konkursoj en lernejoj, kiucele oni preparis diversajn materialojn, interalie son-kasedon kun modele legitaj platdiĉaj tekstoj. Ke la Bremena Ŝparkaso finance subtenas tiun ĉi agadon. Ke IPL pretigis ekspozicion de 2oo selektitaj platdiĉaj libroj kaj de bildoj pri verkistoj, kiu estos videbla en la urbaj bibliotekoj de Bremeno, Brake, Bremerhaven, Hamburgo kaj aliaj urboj. Ke aperis nova bibliografio de platdiĉaj libroj kaj diskoj nuntempe aĉeteblaj.

* * * * * * * * * * * *

# ĈU VOJAĜO AL NOVAJ HORIZONTOJ ?

RAPORTO PRI LA EKSKURSO AL LA ÅLAND-INSULOJ OKAZE DE LA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO, STOKHOLMO 198o-A

Finfine venis la tempo por realigi malnovan decidon de la komitato de UEA faritan en Ateno en 1976-a. Tiam oni decidis ke UEA iumaniere okazigu seminarion pri la kunligoj inter Esperanto kaj la luktoj de etnaj malplimultoj por la defendo de la propraj lingvoj kaj kulturoj interne de ŝtataj limoj.

Ĉi-jare 33 kongresanoj, aparte interesiĝantaj pri lingvaj malplimultoj, pri lingvaj problemoj aŭ nur pri ebla strategio de la Esperanto-movado rilate al lingvaj enŝtataj malplimultoj, estis invititaj al ekskurso al la Åland-Insuloj. - Ne estas ĉi tiu la loko por paroli pri la tute interesa lingva situacio de tiuj insuloj (svedlingvaj sed apartenantaj al Suomujo), kiu cetere estis nur pretekstо por kunigi en ŝipan salonon la "ekskursantojn" kaj por devigi ilin kundiskuti.

La diskutoj daŭris entute proksimume 6 horojn, kaj la rezulto de ili estis vortumita en formo de deklaro kiu tekstas jene:

- La laborgrupo kunsidinta dum la vizito al Åland-insuloj agnoskas ke inter la fundamentaj homaj rajtoj estas la rajto uzi sian propran lingvon por rilatoj kun siaj samlingvanoj.
- La laborgrupo konscias ke efektiviĝo de tiu rajto estas pli malfacila por homoj apartenantaj al lingvaj minoritatoj. Ĝi konscias ke ĝuste pro tio la Ĝenerala Asembleo de Unuiĝintaj Nacioj dum sia 1496-a enplena sesio, la 16-an de decembro 1966-a, per sia rezolucio 22oo A /XXI/ aprobis la artikolon 27-an de la Internacia Interkonsento pri Civilaj kaj Politikaj Rajtoj, kiu tekstas jene:

  "En ŝtatoj, kie ekzistas etnaj, religiaj aŭ lingvaj malplimultoj, ne eblas senigi homojn apartenantajn al tiuj malplimultoj je la rajto havi, kune kun la ceteraj anoj de sia grupo, sian kulturan vivon, deklari kaj praktiki sian religion, aŭ uzi sian lingvon."
- Pri la difino de la esprimo "minoritato" la laborgrupo notas la difinon utiligatan de UN-instancoj rilate al la menciita artikolo 27-a /vidu interalie la dokumenton de UN E/CN.4/Sub.2/384/Rev.1, tio estas:

  "Grupo laŭ nombro malpli granda ol la cetera ŝtata enloĝantaro, en ne-superrega pozicio, kies anoj, kvankam civitanoj de la koncerna ŝtato, havas el etna, religia aŭ lingva vid-punkto malsamajn ecojn rilate al la cetera loĝantaro kaj esprimas, ankaŭ nur maleksplicite, senton de solidaro pri konservo de sia kulturo, tradicio, religio aŭ lingvo."
- La laborgrupo notas ke la Esperanto-movado interesiĝas pri la lingvaj-kulturaj aspektoj de la problemoj rilataj al la ekzisto de minoritatoj.
- La laborgrupo rekomendas ke la esperantistoj subtenu agadojn celantajn efektivigi la menciitajn principojn kaj tute aparte agadojn celantajn efektivigi kaj defendi la rajtojn de minoritataj lingvoj en edukado, komunikado, administrado kaj en la cetera publika vivo.

  Ili klopodu laŭ siaj eblecoj subteni tiujn agadojn je ĉiuj niveloj.

  Je internacia nivelo UEA kunlaboru kun UN-instancoj okupiĝantaj pri ĉi tiu problemo /ekzemple: Unesko, la Sub-Komisiono por Lukto kontraŭ diskriminaciaj Agoj kaj por Protekto de Minoritatoj/.

  Je ŝtata nivelo Landaj Esperanto-Asocioj kunlaboru kun instancoj,kiuj

agas por efektivigi kaj defendi la lingvajn rajtojn de la enŝtataj minoritatoj.

Je loka nivelo Esperanto-grupoj en regionoj, kie loĝas lingvaj minoritatoj, starigu kontaktojn kun tiuj minoritatoj.

- La laborgrupo reasertas ke la internacia lingvo Esperanto estas longperspektive la plej taŭga kaj maksimume sendiskriminacia maniero de lingva komunikado trans ĉiunivelaj lingvaj limoj.

  Ĝi rekomendas konkretan studon de la apartaj situacioj.

- La esperantistoj klopodu disvastigi scion pri la potencialoj de la internacia lingvo Esperanto inter anoj de lingvaj minoritatoj.
- Por la realigo de la ĉi-supre menciitaj ideoj la estraro de UEA estas petata:
  - intensigi sian kunlaboron kun UN-instancoj en ĉi tiu kampo kaj ekkunlabori kun internaciaj neregistaraj organizaĵoj, kiuj okupiĝas pri ĉi tiu temo.
  - doni apartan atenton al kleriĝo de la membroj de UEA pri ĉi tiu temo pere de la asociaj publikaĵoj kaj de aliaj taŭgaj rimedoj /stud-kunvenoj, ktp./, kunlabore kun CED, kun Landaj Asocioj kaj kun Fakaj Organizaĵoj.
  - subteni la pretigon de baza inform-materialo pri la kunligoj inter la celoj de la Esperanto-movado kaj la celoj de la agadoj favore al lingvaj minoritatoj, kiu estu tradukata al kiel eble plej multe da minoritataj lingvoj.
  - instigi membrojn de la asocio verki informilojn kaj lernilojn pri la internacia lingvo Esperanto ankaŭ en tiuj lingvoj.

Mi aldonu ĉi tie nur kelkajn signifajn detalojn pri la konsisto de la partoprenantaro de tiu diskutekskurso de la 6-a de aŭgusto 1980-a. Estis reprezentitaj dek sep landoj (inkluzive de Japanujo, Hindujo kaj Ĵamajko) kun diversaj sociaj kaj politikaj sistemoj.

Kontribuis al la diskutoj parto de nia ĉefa "intelektularo" laboranta en CED (Pool, Wells, Wood, Daŝgupto), aktivaj membroj de IKEL (Llibert Puig i Gandia, Dirk Willkommen, Paul Peeraerts, ktp.) kaj multaj homoj kun gvidaj funkcioj en la landaj Esperanto-movadoj (kies listo estas tro longa por represo).

La ĉi-supre publikigitan deklaron de la laborgrupo fermas tute konkretaj proponoj al la estraro de UEA, kiu iel devos preni ilin en konsidero. Ĝi ne limiĝas al ĝeneralaj konstatoj kaj al bonintencaj rekomendoj.

Necesas fine emfazi ke IKEL-membroj kaj aliaj legantoj de ETNISMO, kiuj ja restas la plej konsciaj esperantistoj en ĉi tiu kampo, diskonigu la deklaron ankaŭ je landa nivelo kaj praktike respondu al la kunlaborpetoj de la estraro de UEA, kiam ili post iom da tempo venos. Estus vere paradokse se post tiom da premoj, por ke UEA faru ion, oni nun lasus ĝin senhelpa!

Renato Corsetti
Vicprezidanto de IKEL

Aldone menciindas ke la KONGRESA REZOLUCIO de Stokholmo, kun kontentiga klareco, konstatas plurajn esencajn aspektojn de lingva diskriminacio interne de unuopaj ŝtatoj kaj inter ili. Tiutekste esprimitas ke "la problemo de diskriminacio surbaze de lingvo estas intime ligita al aliaj specoj de diskriminacio, kaj ke tiuj specoj de diskriminacio kutime havas siajn lingvajn dimensiojn" kaj ke "tamen ankaŭ diskriminacio surbaze de lingvo estas klare distingebla kiel aparta problemo, kiu estas ofte konfuzata kun rasa/etna diskriminacio sed efektive havas siajn unikajn ecojn".

* * * * * * * * * * * * *

# FLANDRIO VALORAS PLIBONON OL AIDMLK!

La kunveno de maksimume 15o personoj okazinta de la 24-a ĝis la 27-a de julio 198o en Bailleul, francia Flandrio, havis la pompan nomon "8-a Mond-Kongreso de la Asocio Internacia por la Defendo de la Minacataj Lingvoj kaj Kulturoj". Nu, tiuj skeptikuloj - kaj mi estas inter ili - kiuj hezitas diri Universala K o n g r e s o de Esperanto, preferante nomi tion internacia bazaro, absolute certe laŭdegus la UK-ojn post partopreno en AIDMLK-kunveno! Miaj iom pli ol 8-jaraj spertoj en AIDMLK almenaŭ parte permesas al mi prijuĝi la staton: AIDMLK strebas al agnosko fare de Unesko, ŝatus ke la ekstera mondo konsideru ĝin serioza, pretendas labori favore al minacataj etnoj kaj ne hontas prezenti sin tiel senkoncepta, tiel sendisciplina, tiel kaosa! Jam la programo evidentigis la mankon de pripenso, malgraŭ la avertoj sufiĉe frue donitaj. Por citi du ekzemplojn: En la du unuaj tagoj aperis po unu ero sub la nomo "Raporto pri la du pasintaj jaroj", kaj la reprezentantoj de la unuopaj etnaj grupoj - laŭ la programo - rajtis raporti pri sia situacio la antaŭlastan tagon, kiu fakte estis la lasta labortago, ĉar la 27-an de julio oni ekskursis! Kiel en ĉiuj antaŭaj AIDMLK-kunvenoj, nenion konkretan kaj detalan la ĉeestantoj aŭdis kaj vidis pri la situacio de la surloka etno, la flandroj. Kion oni fakte faris? Laŭ raporto farita de unu el la ĉefaj organizintoj, la unua prelego pri "La psikaj sekvoj de lingva asimilado", de d-ro Le Drogou, ne alportis ion novan pri la psika situacio de indiĝenaj minoritatoj. (Mi ne jam povis ĉeesti en Bailleul dumprelege kaj, do, ne mem povas juĝi.) Laŭ la sama fonto, la ĝenerala sekretario de AIDMLK, Marcel Texier, bretono, menciis en sia agadraporto la kontaktojn prenitajn kun keltaj grupoj, kun indianoj, kun eskimoj, kun berberoj, kun koptoj, kun aliaj afrikaj grupoj, kun membroj de la Eŭropa Parlamento ktp. Nu, ĉar mi estis, de 1978 ĝis 198o, adjunkta ĝenerala sekretario de tiu asocio, mi scias ke tiuj kontaktoj okazis, jes ja, sed mi same scias ke ili havas - almenaŭ ankoraŭ - malgrandegan signifon aŭ nenian. Akuzante AIDMLK-n (kaj tio inkluzivas akuzon kontraŭ mi mem!) pro nenionfarado dum la pasintaj du jaroj, mi simple konstatas ke ĝi nenion sukcesis fari. Tiu ĉi certe ne estas la adekvata loko por esplori detale la kaŭzojn.

Certe la prelego de Yvo J.D. Peeters pri "La Eŭropaj Instituciojn rigarde al la postuloj de la etnaj kaj lingvaj minoritatoj" estis plene interesa kaj nepre valoris ĉeeston. La preleganto, alterne france, nederlande, germane, kastilie kaj angle, menciis la Eŭropan Konvencion pri la Homaj Rajtoj kaj atentigis pri la tiuloke fiksita malpermeso de kia ajn diskriminacio kaj pri la ebleco procesi eĉ fare de unuopa civitano kontraŭ ŝtato. Tamen, konstatendas ke Ĉipro, Francio, Grekio, Malto, Hispanio, Turkio kaj Liĥtenŝtejno ne agnoskis ĉi tiun proces-rajton! Tiel, tutsimple, grandega nombro da etnaj minoritatoj malhavas tiun rimedon akuzi la respektivan ŝtaton pro diskriminaciado. Peeters parolis poste pri la "Deklaro de Bordozo" (o1. o2. 1978) ellaborita dum simpozio de centoj da delegitoj el municipaj kaj regionaj institucioj, kadre de la Eŭropa Konsilio. Iel konklude la Konvencio apelacias al la Eŭropa Parlamento krei kvazaŭ dua ĉambron, senaton por reprezenti la malgrandajn unuojn (t.e. lokojn kaj regionojn). - En la nova, rekte elektita Eŭropa Parlamento troveblas grupeto da diverstendencaj deputitoj el regionoj de etnaj minoritatoj, kaj tiu ĉi grupeto klopodas iom movi la aferon, kvankam la Parlamento jure kompetentas esence nur pri problemoj ligitaj al la interŝtataj kontraktoj koncerne la Eŭropajn Komunumojn: Tiuj ĉi kontraktoj estas klare unuavice aŭ eĉ ekskluzive EKONOMIAJ. Unu el la plej vervaj kaj obstinegaj batalantoj, kiuj profitas ĉian okazon por diskuti minoritatajn problemojn, estas la flandra deputito M. Coppieters kiu surtabligis aron da tiutemaj dokumentoj.

La posttagmezo kaj vespero de la 26-a de julio estis dediĉitaj (?) al parolado de la menciita EP-deputito Maurice Coppieters, al diskutoj pri di-

versaj rezolucioj kaj al la elektoj. La tutan nepreparitecon de AIDMLK frape atestas la surprizo de la prezidanto: Li deklaris sin ne preta rekandidatiĝi. Kompreneble, neniu - momenton antaŭe - havis tiun ideon. Ekfloris la plej diversaj proponoj, sed taŭguloj kiel la piemontano Tavo Burat kaj la kurdo Ismet Cheriff Vanly rifuzis. Restis unu kandidato, eble la sola malĝusta: Jordi Costa i Roca, la ĝenerala sekretario de 197o ĝis 1978 kaj vicprezidanto inter tiam kaj 198o. Jes ja, li ricevis plimulton da jesaj voĉoj. La ĝenerala sekretario de 1978 ĝis 198o, Marcel Texier, bretono, akceptis daŭrigi en tiu ĉi ofico kaj same agis preskaŭ ĉiuj aliaj oficuloj, escepte de la subskribinto kiu neis kandidatigon kiel adjunkta ĝenerala sekretario restante Teritoria Sekretario por FRG. Evidenta gajno por la estraro estas Yvo Peeters kiel adjunkta ĝenerala sekretario (kvankam estas sufiĉe mirige ke homo kiu du tagojn antaŭe ankoraŭ ne estis eĉ nur membro en AIDMLK tuj elektitis en tiun oficon). Kiam Tilman Zülch, la administraciantо de la Gesellschaft für bedrohte Völker" (t.e. Societo por minacataj popoloj), kies sidejo estas en Göttingen, FRG, estis proponita kiel estrarano, la nova prezidanto verve kontraŭstaris kaj ... sukcesis eviti tiun elekton. Bedaŭrinde, sed tre facile kompreneble: La asocio kiun gvidas Zülch estas tiom aktiva (publicante amason da ampleksaj materialoj el ĉiuj problemejoj de la mondo, kampanjante kontraŭ etnocido en plej diversaj mondopartoj, organizante vojaĝojn kaj publikaj sinprezentojn de indianoj en pluraj eŭropaj grandurboj, batalante por ŝtata agnosko de tiuj 5oo.ooo ciganoj viktimiĝintoj de la nazia teroro dum la hitlera periodo, ktp. ktp.), kaj Costa i Roca simple, tute primitive timas demonstri sian propran neaktivecon apud Zülch.

La lokaj organizantoj de la AIDMLK-kunveno, t.e. aktivuloj de "Michiel de Swaenkring", kiuj plej bonintence estis klopodintaj ĉion perfekte aranĝi, ankaŭ por la lasta tago proponis agrablan programon: ekskurson aŭtomobilan tra aro da franci-flandraj urboj. Oni tre trafe kaj fakulece klarigis al la trideko da plejdivers-naciaj ekskursantoj la vidindaĵojn precipe el la historia vidpunkto. Dum la tagmanĝo la piemonta bardo Burat estis persvadebla doni specimenojn de sia rava - kompreneble piemont-lingva - kantado.

Okaze de tiu AIDMLK-renkontiĝo kunsidetis, kunstaris kaj interbabilis pluraj IKEL-membroj el Katalunio, Flandrio kaj FRG kiuj alvenis ĉe la konkludo ke surloke ne prezentiĝis ebleco alparoli la plenkunsidon por atentigi ĝin pri la perspektivoj kiujn IKEL vidas en la tuta problemaro de etnaj minoritatoj kaj internacia interrilatado. Por IKEL restas la demando ĉu vere valoras serĉi oficialan kontakton kun tia asocio. Uwe Joachim Moritz




Jen la homo kiu ne "taŭgas" por la AIDMLK-estraro: Tilman Zülch (sago) okaze de la grandioza manifestacio de tuteŭropaj ciganoj en la iama nazia koncentrejo Bergen-Belsen (27. 1o. 1979). Ĉe la mikrofono la prezidantino de la Eŭropa Parlamento, Simone Veil, kaj apud ŝi Klaus Norbert Herzog, gvidanto de la FRG-aj ciganoj. Zülch estas unu el la ĉefaj organizintoj de tiu ĉi manifestacio .....

RAPORTO DE MEMVIDINTO RICHARD ARENS

# AĈEOJ
# MORTIGEJOJ EN PARAGVAJO

(Daŭrigo el n-ro 24)

Mi intervjuis tri 15-jarajn knabinojn kiuj forkuris el sklaveco malpli ol du semajnojn antaŭ ol renkonti min. Mi trovis 15-jaran knabon kiu ankaŭ estintis sklavo kaj forkurintis nur kelkajn tagojn antaŭe. Ĉiu el ili estis vendita post homĉasado, unu nur en 1973. Ĉiuj parolis pri aliaj sklavoj kiujn ili konis dum ili estis servantoj aŭ laboristoj, kelkaj el ili en Asunciono. Ili donis la nomojn de siaj sklav-majstroj kaj, en unu kazo, de siaj kaptintoj. La tri knabinoj estis domservantinoj. Ĉiuj plendis pri troa laboro, malsufiĉa nutraĵo kaj ĉifoniĝintaj vestaĵoj. Du el ili montris evidentiĝojn de barbara punado. Unu montris grandajn cikatrojn sur la kruroj kiuj estis - kiel ŝi klarigis - rezulto de batado; alia montris cikatron rezultintan de tio ke la sklav-majstro verŝis bolantan oleon sur ŝin. Kuracisto certigis ke ŝia cikatro estas akorda kun duagradaj brulvundoj. Ŝi forkuris kiam oni kondukis ŝin al malsanulejo en Asunciono por nasko kaj informis ŝin ke tuj post naskiĝo ŝia infano estos vendita al aliaj paragvajanoj. Patrino kaj infano forkuris helpe de monaĥino. La knabo memoris la kaptiĝon en la ĝangalo ĉirkaŭ 1973, de Pereira. Kondukita al la "Colonia Nacional Guayaki", li estis ankaŭ vendita, sed fine forkuris. Unu el la knabinoj estis interŝanĝita kontraŭ du hundoj.

Resumo de antaŭ-nelongaj informoj pri konataj epizodoj de sklavigo en Paragvajo, donita al la Inter-Amerika Komisiono pri Hom-Rajtoj kaj ne diskutita flanke de la paragvaja registaro, atentigis pri ses specifaj areoj de prosperanta Aĉe-sklavigo. La nombro estas preskaŭ certe nesufiĉa takso. La ĝenerala impreso bazita sur tiuj ĉi materialoj kiel ankaŭ sur miaj intervjuoj estas ke sklavigo de indianoj, tiom pli ĉar ne malpermesita de la paragvajaj aŭtoritatoj, povas flori kaj enradikiĝi pli profunden kelkafoje, ŝajnas, helpe de paragvajaj armeanoj.

"Genocide in Paraguay" dokumentis la trapenetran ekziston de senkulturigo, la detruon de indianeco kaj la proksiman ligon de senkulturigo kun la pliiĝanta mort-proporcio de indianoj. Tio, kion mi nun trovis estas ke dekulturigo kaj de ĝi kaŭzita morto-proporcio, ĉefe pro tuberkulozo, influenco kaj malsanoj pro malsufiĉa nutriĝo, jes, kaj eĉ la pli subtilaj formoj de "psikologia morto", rapide kreskis. Kaj tio ĉi estas raporto pri rezervejoj kiujn la paragvaja registaro volis montri. Kio estas pri tiuj kiujn oni ne permesis al mi viziti? Almenaŭ unu Novaj-Triboj-Misiejo en norda Ĉako, ekzemple, estas ankoraŭ malpermesita al ordinaraj vojaĝantoj. Indianoj suferas kaj mortas en ĉiuj rezervejoj kiujn mi vidis krom en unu: La sola escepto estas la rezervejo de la misiejo de S-ta Aŭgustino kiu estas financata de la Inter-Amerika Fonduso,kaj laboras tie dungitoj de la API. Ne estas necese rerakonti pri la aliaj rezervejoj: Laŭlitere kaj laŭfigure ili meritas la nomon KLOAKOJ kiuj celas krei malsanon kaj morton. Se tiel daŭras estas tro riske supozi ke eĉ nur 50 % de la viditaj indianoj ne mortos dum la sekvanta jaro.

Ĉu ni supozu ke la ekzistantaj teruregaj kondiĉoj de indiana vivmaniero estas rezulto de tutnacia malriĉeco kiu trafas simile blankulojn kiel indianojn? La paragvajaj blankuloj, inkluzive de la malriĉaj kies morto-proporcio estas evidente alta, ne estas ĉe la sojlo de estingiĝo kiel grupo. La indianoj ja estas ĉe tiu punkto. Unuvorte, ni vidas la paragvajan starpunkton de "fina solvo" kontraŭ la arbaraj indianoj lando - aĉeoj, moroj kaj ĉiuj aliaj - kiuj, kvankam nerekte, blokis la ekonomian evoluon de la registaro de Paragvajo. FINO

(El: AKWESASNE NOTES, printempo 1978; tradukis: Roan U. Orloff-Stone.)

* * * * * * * * * * * *

# carn

AUTUMN 198o
No. 31

A LINK BETWEEN THE CELTIC NATIONS





**La bulteno CARN (la nomo estas irland-gaela kaj signifas "ŝtonstako") aperas ĉiun trian monaton, ampleksas 24 preskaŭ A-4-formatajn paĝojn da densa teksto, kun malmultaj ilustraĵoj, en la skot-gaela, irland-gaela, manksa, kimra, kornvala, bretona kaj ... angla.**

**La ĵus aperinta numero 31 spegulas la tutan skalon da aspektoj de la kelta luktado por plifortigo de la kelta identeco:**

**Skot-gaela skeĉo pri "198o kaj ĉio ĉi"; letero de re-nacianiĝanto (skoto lernanta la gaelan por firmigi sian identecon); precizigo pri la "Grupo 79" kiu celas klare difini la politikon de la Skota Nacia Partio kiel maldekstran; unu-kaj-duon-paĝa memorigo pri la skota ribelo de 182o; bretonlingva anonco pri malsatstriko de la kimra politikisto Gwynfor Evans pro la nefunkcio de la kimra televida kanalo; raporto pri la bretona lingvo-festivalo en Plabenneg apud Bresto, de la 14-a ĝis la 18-a de majo 198o, kiu estis granda sukceso; recenzoj pri du libroj koncerne Bretonion; kimran akuzon kontraŭ la sugesto de ĉefministrino Thatcher ke senlaboruloj tutsimple ... forlasu sian vivregionon; detala dataro pri la kimra batalo pri televida kanalo; komento pri la rolo de la kimra nacia partio "Plaid Cymru" en la brita krizo; irland-gaela raporto pri la Kelta Semajno en Berlino (15. - 2o. o7. 198o); informo pri la laboroj kaj postuloj de "Semajno de la Irland-Gaela Lingvo" en Áth Cliath (= Dublino); kritiko pri la sinteno de la taggazeto "The Cornishman" kiu decidis ne plu publici kornvallingvajn artikolojn; informo pri kreskado de la nombro de lingvo-ekzamenaj kandidatoj kaj de familioj instruantaj la kornvalan al la infanoj; ĉapitreto pri la historio de tereno-proprieto en la Manks-Insulo; artikolo pri bezonata kelta kunlaborado, iom laŭ la modelo de la Norda (t.e. "Skandinavia") Konsilio; pli ol unu paĝo pri la keltoj de la Ibera duoninsulo, t.e. pri galegoj kaj asturoj, kies etna origino efektive estas iel kelta, kvankam la kelta(j) lingvo(j) tiuregione jam malaperis antaŭ multegaj jarcentoj lasante tamen aron da spuroj en la nov-latinaj lingvoj; fine, letereto de Uilleam MacCaluim subtenanta la ideon de tutgaela lingvo, sed rifuzanta la utopion de tut-kelta lingvo: ties funkcion prenu la Internacia Lingvo.**

**PETU SPECIMENON DE "CARN" ĈE: Celtic League, 9 Br. Cnoc Síon, ÁTH CLIATH 9, Respubliko Irlando.**

# KELTAJ POSTULOJ

"La 'Berliner Festspiele' (Organizo de la Berlina Festivalo) disponebligas ĉiun duan jaron platformon al reprezentantoj de minoritataj popoloj de Eŭropo. De la 15-a ĝis la 2o-a de julio 198o kunvenis en Berlino pli ol 25o reprezentantoj el Asturio, Bretonio, Galegio, Irlando, Kimrio, Kornvalo, Manks-Insulo kaj Skotlando. La simpozio okazinta kadre de tiu ĉi festivalo decidis publikigi la ĉi-sekvan komunikon por denove esprimi la zorgon de la reprezentataj popoloj koncerne ilian estonton en la eŭropa kunteksto.

Ni postulas ke la registaroj de Francio, Grandbritio kaj Hispanio rekonu ke ili estas responsaj pri la bonfarto de la naciaj komunumoj troviĝantaj interne de iliaj limoj, ke ilia centrisma politiko rezultigas, en niaj komunumoj, ekonomiajn kaj sociajn damaĝojn manifestiĝantajn en konsiderinda senlaboreco, en ekologia polucio kaj - kio estas ekstreme grava - en difektoj kaŭzitaj en niaj lingvoj kaj naciaj tradicioj. Ni postulas plenan oficialecon de ĉiuj niaj lingvoj en ĉiuj respektivaj landoj kaj ilian uzadon en la amaskomunikiloj, precipe en televido. Ni postulas la politikajn instituciojn necesajn por memdeterminado kiu sola povus efektivigi ekonomian politikon akordan kun la bezonoj de niaj popoloj kaj kiu tiel ĉesigus la ekspluatadon de niaj rimedoj kaj de niaj popoloj, ekspluatadon kiu estas la fonto de la problemoj kiujn ni frontas hodiaŭ.

Ni direktas la atenton al kvar problemoj de brula graveco kiuj atestas la situacion de la keltaj popoloj:

1. Ni kontraŭstaras la dekreton pri dulingveco en Galegio signifantan diskriminacion kontraŭ la galega lingvo por kiu ni postulas oficialecon.
2. Ni postulas kiel urĝan bezonaĵon la kreon de akademio de la astura lingvo por ke oficialeco povu esti akirita en la eduksistemo, inkluzive de la universitato, kaj en la amaskomunikiloj.
3. Nepras organizi efektive la instruadon de la lingvo, de la historio kaj de la civilizo de Bretonio, de la infanvartejo ĝis la universitato, kaj starigi en Bretonio kompletan bretonlingvan servon de radio kaj televido.
4. Ni deklaras nian kompletan solidarecon kun la enloĝantaro de Plogoff en Bretonio en ties rifuzo de nukle-centralo kiu estas trudita al ĝi fare de aŭtoritato malestimanta la rajtojn de la home.

(Akceptita en Berlino la 19. o7. 8o)

(La ĉi-supra traduko baziĝas sur la franca kaj parte sur la angla tekstoj, kiuj, tamen, inter si ne estas tute kongruaj. Se vi bezonas, postulu tiujn tekstojn fotokopiitajn ĉe ETNISMO, kontraŭ 1 irk.)

---

R e c e n z o    A I N A J   J U K A R O J, Hokkajda Esperanto-Ligo, Sapporo, 1978, 93 paĝoj, prezo: 4 usonaj dolaroj; aĉetebla pere de s-ro Acuŝi Hoŝida, Itoi 393-83, Tomakomai o53, Japanujo.
De tempo al tempo eblas trovi verajn perlojn en la esperantlingva maro. Tia estas la verko ĉi tie recenzata, kiu certe ne ekzistas en multaj eŭropaj lingvoj. - Ainoj estas gento loĝanta en Japanujo kaj malaperadanta pro la premo de la japana socio asimilanta la lastajn ainojn ĝuste dum ĉi tiuj jaroj. La aina lingvo estas ankoraŭ parolata de nur kelkaj maljunuloj, kaj la klopodoj de la por-ainaj asocioj ŝajnas preskaŭ senesperaj. - Malmulto saviĝis (eĉ se nur por literaturaj muzeoj) de la aina parola kulturo, krom la poemoj kolektitaj en ĉi tiu libro. - Temas pri kolekto de tradiciaj poemoj, kiujn oni recitis dum festoj. Ili rakontas pri la daŭra lukto de ainoj por akiri manĝaĵojn, kaj pri ilia rilato kun la ĉirkaŭanta naturo, kie la aina mondkoncepto vivigis amason da dioj. - Tre originala estas la rakontoformo: En ĉiu poemo parolas pri si mem iu besto-dio. - La tradukintoj provizis la libron per abundaj klarigoj pri la estiĝo de la originala versio (aina-japana), pri la cirkonstancoj de la traduko kaj pri la nuntempa situacio de la ainoj. - Nepre rekomendinda!    Renato Korseti

# SUDTIROLA LINGVOPOLITIKO

En numero 24, sub KONCIZE EL ..... BOZEN (p. 15), ni informis pri novaj kaj malnovaj problemoj inter itallingvaj kaj germanlingvaj enloĝantoj de la aŭtonoma provinco de Sudtirolo. Ni atentigis i.a. pri la aparteco-politiko de la provinca registaro en la kampo de lingvolernado. Jen reago oficiala flanke de la prezidento de la provinco, d-ro Silvius Magnago (vidu la represon de la originalo kaj la tradukon en la sekvanta paĝo).

Ĉar ni principe favoras laŭeble vastan diskutadon, ni tre dankeme bonvenigas tiun reagon de d-ro Magnago, tiom pli ĉar li tuj aldonis broŝuron kiu enhavas la parlamentan paroladon faritan, la 12-an de marto 1980, de d-ro Anton Zelger, provinca ministro pri la german- kaj romanĉlingvaj lernejoj en la provinca registaro.

Tiu 16-paĝa A-5-formata kajereto enhavas, unu-paĝan enkondukon fare de la frakci-estro de la Sudtirola Popol-Partio (SPP) en la provinca parlamento, d-ro Klaus Dubis, same unu-paĝan komenton fare de d-ro Magnago (kiel estro de la SPP), 11-paĝan represon de la argumentado de Zelger kaj, en la du lastaj paĝoj, represon de mallongegaj tekstoj el dekretoj de la prezidento de la Itala Respubliko de 31. o8. 1972 (artikolo 19) kaj 2o. o1. 1973 (artikolo 6), kun germanlingvaj tradukoj.

La situacio: La 19-an de oktobro 1979 la Sudtirola Parlamento malakceptis, per granda plimulto, la proponon de la komunistaj kaj socialistaj deputitoj koncerne la eksperimentan instruadon de la itala lingvo en infanvartejoj; la 23-an denovembro 1979 la tri komunistaj deputitoj denove surtabligis tian proponon. La 12-an de marto 198o, do, Zelger (SPP) eksplikis, en la parlamento, la starpunkton de la registaro kaj de SPP ĉi-sekve resumitan:

1. La principoj de la instrupolitiko de Sudtirolo estas esprimeblaj per du frazoj:
   - Ĉiu lingvogrupo en Sudtirolo - senkonsidere de la romanĉlingvuloj - havu sian lernejon, la edukadon de sia junularo ekde la infanvartejo ĝis la abiturientiĝo en la denaska lingvo, kaj lernantoj kaj instruistoj devas havi la saman denaskan lingvon.
   - Ĉiu lingvogrupo devas flegi la instruadon de la dua lingvo, ekde la 2-a aŭ 3-a elementlerneja kurso kaj fare de instruistoj por kiuj ĉi tiu dua lingvo estas la denaska lingvo.
2. Laŭ Zelger, la germanlingvuloj ĝis nun pli klopodis lerni la italan ol faris la italoj koncerne la germanan. Li suspektas ke la lastatempe pli-oftiĝinta deziro de itallingvuloj lerni la germanan estas kaŭzita nur de "oportunismo pro timo" (p. 6), ĉar certaj postenoj estas okupeblaj nur surbaze de ekzameno pri kapablo koncerne la germanan kaj italan lingvojn! Pri la nesufiĉeco de itallingvulaj lingvokonoj germanaj kulpas la italaj politikistoj, sindikatoj kaj amasmedioj.
3. La italaj infanoj havas avantaĝojn, kontraŭ siaj germanaj samaĝuloj, ĉar la italoj vivas koncentrite en la urboj, kontraŭe al la germanaj infanoj kiuj ofte loĝas en tre malproksimaj, dissemitaj bienoj, tiel ke la italoj pli facile povas profiti la germanlingvajn prezentojn de filmoj kaj teatroj. - Fine temas nur pri nova paŝo politika flanke de la proponintoj por akiri politikan potencon.
4. La registaro same kiel SPP malakceptas la proponon pro juraj kaj pedagogiaj kaŭzoj:
   - La statuto pri aŭtonomio kaj la efektiviga direktivo klare fiksas la duan aŭ la trian klason kiel komencopunkton de la instruado pri la dua lingvo. Tiun ĉi regulon devas respekti ankaŭ instru-eksperimentoj, kiuj - laŭ la dekreto n-ro 419 de la prezidento de la Respubliko de 31. o5. 1974, artikolo 3 - povas temi pri metodoj, didaktiko kaj pri

(daŭrigo en la postsekvanta paĝo)

PROVINCIA AUTONOMA DI BOLZANO - ALTO ADIGE
AUTONOME PROVINZ BOZEN - SÜDTIROL
GIUNTA PROVINCIALE - LANDESAUSSCHUSS

IL PRESIDENTE
DER LANDESHAUPTMANN

Prot. N. I/K/2961/L
(da citare nella risposta - im Schriftwechsel anzuführen)

39100 Bolzano, li / Bozen, den 8.9.1980

Oggetto: / Gegenstand: Artikel "Koncize el ... Bozen", veröffentlicht in "Etnismo" Nr.24, vom 24.7.1980, Seite 15

An die Zeitschrift
ETNISMO

D-5190 Stolberg
Feldstr.38

Ich habe den randvermerkten Artikel gelesen; darin wird ein sehr oberflächlicher Bericht über die Lage in Südtirol gegeben und die Volkstumspolitik der Südtiroler Landesregierung und der Südtiroler Volkspartei in ein vollkommen falsches Licht gerückt. Zum tieferen Verständnis des Problems des Unterrichtes der 2. Sprache in den Kindergärten Südtirols übermittle ich Ihnen anbei eine Broschüre von Landesrat Dr.Anton Zelger "Ja zur Zweisprachigkeit - Nein zur Mischkultur in Südtirol".

Mit freundlichen Grüßen.




DER LANDESHAUPTMANN
- Dr. Silvius Magnago -

Beilage

**TRADUKO DE LA ĈI-SUPRA LETERO:**

**Mi legis la menciitan artikolon; en ĝi estas farita tre supraĵa raporto pri la situacio en Sudtirolo, kaj la etno-politiko de la Sudtirola Provinc-Registaro kaj de la Sudtirola Popol-Partio estas metita sub komplete misan lumon. Cele de pli profunda kompreno pri la problemo de la instruado de la dua lingvo en la infanvartejoj de Sudtirolo, mi transsendas ĉi-kune al vi broŝuron de Provinc-Konsilisto D-ro Anton Zelger "Ja zur Zweisprachigkeit - Nein zur Mischkultur in Südtirol" /= "Jes al la dulingveco - Ne al la miks-kulturo en Sudtirolo" 7.**

**Kun afablaj salutoj.**

**LA PROVINCA PREZIDENTO**
**- D-ro Silvius Magnago -**

Dr.RK/wl

strukturo. SPP opinias ke instru-eksperimento ne povas rilati la lingvon. Zelger atentigas ke tiu ĉi DPR 419, en sia artikolo 19, eksplicite substrekas ke ĉio baziĝanta sur tiu ĉi DPR 419 devas akordiĝi kun la aŭtonomio-statuto de la provinco Sudtirolo. Ĉar instru-eksperimento, nature, daŭras nur 3 aŭ 4 jarojn, oni devus decidi poste ĉu la eksperimento montris pozitivajn rezultojn aŭ ne. Jesakaze oni devus fari leĝajn konkludojn. Kiel? Oni devus modifi la aŭtonomio-statuton, kaj tio estus ne facila.

- Konsiderinda parto de la sciencistoj asertas ke, por infanoj inter tri- kaj sesjaraj, povas esti ne malgrava psika ŝarĝo lerni du tute malsamajn terminojn por nomi unu saman objekton. Kvankam ekzistas escepte kapablaj infanoj, ĝenerale ne estas akcepteble - eĉ nur fakultative - instrui duan lingvon al junaj homoj. La infanvartejo estas la loko kie la denaska lingvo devas esti kultivata, evoluigata. Ĉio obstakla povas provoki gravegajn psikajn ŝarĝojn. La germanlingva etna grupo devas firmigi sian propran identecon. Kvankam la aktuala propono celas nur la instruadon de la germana lingvo en la italaj infanvartejoj, la germanlingvuloj devas kontraŭi ĝin, ĉar la projekto povus kaŭzi miskomprenojn, konfuzon, miksiĝon kaj forviŝiĝon de limoj. Krome, inter italaj infanoj kreiĝus diskriminacio: Kiel daŭrigi en la elementa lernejo inter jam-germanan-lernintoj kaj kompletaj novuloj? Aŭ ĉu la itala komunista partio celas edukon de elito?

5. SPP ege deziras ke ambaŭ lingvogrupoj lernu bone la duan lingvon por ke prepariĝu vera samrajteco de ambaŭ lingvoj, tiel ke ĉiu enloĝanto povu uzi sian denaskan lingvon en kiu ajn konversacio. SPP malakceptas, emfaze, duoblalingvan /= dulingvan?/ socion kiu - laŭ ĝi - kondukus al miks-kulturo. La moto de SPP estas:

DU DISAJ KULTUROJ EN SUDTIROLO.

- - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - -

Ne eblas ne komenti tiujn tezojn, ĉu?

Ni havas la iom pikan impreson ke ministro Zelger sufiĉe polemikis, kaj kun li la tuta SPP, kaj tio signifas la plimulto de la germanlingvaj sudtirolanoj. Se iuj italoj volas, pro kiu ajn motivo, trans la devoj fiksitaj per la aŭtonomio-statuto, pli intense lerni la duan lingvon, tiun de la provinca plimulto, ni opinias tion ekstreme laŭdinda. (Imagu: La kastili-lingvuloj en Eŭskadio kaj Katalunio kaj Galegio postulus la laŭleĝan eblecon lerneje, infanvarteje studi la eŭskeran respektive la katalunan aŭ galegan! Simple NEIMAGEBLE!) Se la italoj aŭ iuj el ili juĝas ke, pro unu aŭ alia kaŭzo, iliaj etuloj eklernu la germanan lingvon pli frue ol la germanlingvuloj la italan, kaj se tiel la ŝancoj de la italoj por okupi ŝtatajn aŭ privatajn postenojn kreskas, la germanlingvuloj ne arogu al si la rajton konstrui al la italoj obstaklojn iom - esence - similajn al tiuj starigitaj fare de la italoj pasintatempe.

Juraj reguloj taŭgas dum ili spegulas realon; kiam la socio strebas en alian direkton, devas adaptiĝi la juraj reguloj, ne la sociaj celoj! Do, se instru-eksperimentoj evidentigus pozitivajn rezultojn de infanvarteja instruado de la dua lingvo, ĉiu politikisto konscia pri sia respondeco antaŭ sia popolo devus klopodegi adapti la aŭtonomio-statuton kaj aliajn leĝojn al la bezonoj de la socio.

Estas iluzio sufiĉe danĝera imagi ke la germanlingvaj sudtirolanoj ne glutas la italajn terminojn renkontatajn ĉiutage surstrate, radie, televide. Ĉu tial ili psike suferas? Kaj la italoj, ĉu ili montras psikan malsanon pro la konstanta - junaĝa - kontaktado kun la germana lingvo? Jes ja, ekzistas esceptaj kazoj: Tiujn oni traktu speciale, ekzemple ne sendante ĉi tiajn infanojn al infanvartejaj kursoj dualingvaj!

La ideo pri kultura diseco frape memorigas pri la slogano de la rasisma Sudafriko: DISA EVOLUO. Ĉu Sudtirolo celas apartismon?

u j m

# ARBITRA LIMIGO DE ETNA MEMDETERMINO




Jen ekzemplo de la nigraj flagoj sur urbnomaj tabuloj

La 27-a de septembro 198o estis proklamita "Tago de Valonio", kaj la politike konsciaj valonoj celis uzi tiun okazon por plifirmigi la identecon de sia etno en Belgio. Tamen, ne ĉiuj enloĝantoj de la Regiono Valonio jubilis: Ekde la 8-a de aŭgusto 198o validas belga leĝo kiu reguligas la kompetentecojn de la Regionoj flandra kaj valona kaj kiu sigelas la apartenon, al tiu Valona Regiono, de la 9 germanlingvaj municipoj! Evidente, la germanlingvuloj, apud la multe pli multnombraj franc- respektive valonlingvaj samregionanoj havos nenian eblecon influi la precipe ekonomian kaj socialan politikon de Valonio. Tiel kompreneblas la iniciato de la Partio de la Germanlingvaj Belgoj (PGB; germane: Partei der Deutschsprachigen Belgier / PDB): Partianoj "ornamis" plurajn nomtabulojn ĉe eniro al municipoj per nigraj flagoj kaj krome gluis afiŝojn kaj slipojn sur murojn i.a. de urbodomoj. La polico ja konstatis la kampanjon, sed ne intervenis. Plurkaze la municipestraroj tuj matene malaperigis la flagojn kaj aliajn protest-signojn. En speciala komuniko PGB atentigis la publikon pri la senco de la kampanjo: (1) La valonoj prave festas sian regionan aŭtonomion; PGB neniel kontraŭagas valonojn. (2) La somera leĝo - klarege kontraŭ la unuanima rezolucio de la Konsilantaro de la Germana Kulturkomunumo - integrigis germanlingvan Belgion en la Valonan Regionon. -

Kvankam la nova Martens-registaro ("Martens-IV") promesis "baldaŭ" submeti al la centra parlamento projekton de nova statuto pri Orientbelgio, kun propra registaro dependa de la Konsilantaro de la Germana Kulturkomunumo, tio ŝajnas ne kontentigi la verajn aŭtonomistojn, i.a. en PGB. Tiuj ĉi postulas absolutan samrajtecon de la tri etnaj komunumoj de Belgio koncerne kulturajn kaj ĉiujn aliajn aferojn. Ĉar la nova registaro tutŝtata ne garantias rapidan proksimiĝon al tiu celo, la 7 deputitoj de PGB en la Konsilantaro, dum ties unua postsomera kunsido, la 21-an de oktobro, deklaris siaflankan bojkotadon de tiu Konsilantaro, en kiu nur PGB formas veran opozicion.

Dum la nuna jaro okazadas diversaj solenaĵoj memore pri la fondo de la belga ŝtato antaŭ 15o jaroj. Tiukuntekste, la belga ministerio pri eksterlandaj aferoj petis la ĵurnaliston Freddy Derwahl verki mallongan kontribuaĵon pri germanlingva Belgio por publikigo en la serio "Studoj kaj Dokumentoj" distribuota al kaj per la belgaj diplomatoj kaj konsuloj. Derwahl faris 1o-paĝan tekston, en kiu la aŭtoro sufiĉe kritike skizas la rilatojn inter la tutŝtataj institucioj kaj la germanlingvaj belgoj. Konklude, Derwahl diras ke malgraŭ ĉio la germanlingvaj civitanoj de Belgio estas plej fidinda elemento de Belgio ponte al aliaj ŝtatoj (Luksemburgio kaj FR Germanio) kaj ke ili memkonscie deziras plivastigi sian aŭtonomecon, kvankam la grandega plimulto neniel celas aliĝon al FRG kaj same neniel emas komenci lingvan-etnan bataladon similan al tiu furoranta inter flandroj kaj valonoj. - La ministerio rifuzis tiun tekston kaj petis "prilaboron", kiun Derwahl rifuzis; do, la kontribuaĵo ne estis publicita. Laŭdire la prezidanto de la Konsilantaro de la Germana Kulturkomunumo, Albert Gehlen (Kristan-Sociala Partio), stampis tiun Derwahl-tekston "malamika pri Belgio" kaj rifuzita fare de la plimulto de la enloĝantoj. Demandite de PGB en la Konsilantaro, Gehlen deklaris la aferon PRIVATA kaj ... ne respondis la demandojn! - Ni aŭdacas suspekti strangan komprenon pri kritikema ĵurnalismo, flanke de la ministerio, kaj pri parlamenta responso, flanke de prezidento Gehlen.

# EUSKALARIEN NAZIOARTEKO JARDUNALDIAK

Dum la unuaj INTERNACIAJ EŬSKEROLOGAJ RENKONTIĜOJ okazintaj de la 25-a ĝis la 29-a de aŭgusto 1980 en Gernika (Guernica) kaj Leioa (Lejona) senĉese revenis en la diskutojn la problemo de la unueciĝo de la eŭskera lingvo. Inter la ĉeestantoj elstaris la elito de la lingvistoj pri la eŭskera lingvo: Koldo MITXELENA (Eŭskadio), Antonio TOVAR (Hispanio), André MARTINET kaj Jacques ALLIERES (ambaŭ Francio), Robert L. TRASK (Grandbritio), Luis VILLASANTE (Eŭskadio), Terence H. WILBUR (Usono), kaj aliaj. Krom la ĉefaj prelegoj de Jean HARITSCHELHAR (Eŭskadio), Martinet, Wilbur, Allières, Trask kaj Mitxelena estis prezentitaj pluraj referaĵoj fare de vaskoj kaj eksterlandanoj.




La registaro de la aŭtonoma Eŭskadio omaĝas la eŭskeran lingvon kaj ties pristudantojn: Okaze de la inaŭguro de la I.E.R. la prezidento Garaikoetxea kaj liaj ministroj pozas ĉirkaŭ Luis Villasante, prezidanto de la Reĝa Akademio de la Eŭskera Lingvo, sub la Kverko de Gernika.

La aludita problemo de la lingva unueco estis frontita i.a. de Martinet kaj Allières. Ambaŭ pledis - kiel la grandega plimulto de la eŭskerologoj - por instruado de unuecigita lingvoformo ("euskara batua"). Tamen videblas iaj diferencoj koncerne la eventualan helpfunkcion de la kelkakaze tre variaj dialektoj kaj ties lokaj parolformoj. - Oni atentigis ankaŭ pri la obstaklaj misprezentoj de la unuecigo-projekto antaŭenigata fare de la Akademio plej energie ekde 1968. Ĉar inter la subtenantoj de la unuecigo estis pluraj maldekstruloj, i.a. de ETA, la kontraŭuloj de literaturlingva unueco nomis la projekton "komunisma"! - Tovar prelegis pri "Leksiko-statistiko kaj tipologio" kaj prezentis la rezultojn de siaj studoj pri la leksika simileco inter la eŭskera kaj pluraj aliaj lingvoj surbaze de komparo de la 100 plej oftaj vortoj en la respektivaj lingvoj. Konsiderindas, laŭ ĝenerala opinio, similec-procentaĵo de pli 5, kaj Tovar konstatis inter la eŭskera kaj la berbera 10-procentan koincidon kaj inter la eŭskera kaj du kaŭkazaj lingvoj (i.a. la kartvela) 7,5-procentan. - Inter la multegaj gravaj eldiroj de Mitxelena estis la insisto pri edukado de lingvo-instruistoj por tiuvoje certigi la pluekzistadon de obligantoj de lingvaj konoj tiel signifaj por la plena evoluo de la etno.

* * * * * * * * * * * *




# IKEL-INFORMILO 5

## 1. FAKDELEGITOJ PRI ETNAJ MINORITATOJ

La redaktoro de la ĉi-jara UEA-jarlibro prave fieras pri la "komputile generita fakindekso". Tamen komputiloj estas senkompataj iloj kaj tiu uzita por ordigi laŭ fakoj la "unikan en la mondo" delegitan reton de UEA ne hezitis montri ke ekzistas nur du fakdelegitoj pri etnaj minoritatoj, ja nur du: unu plus unu!

Tio surprizas eĉ nin, kiuj scias ke interesiĝo pri etnaj problemoj ne estas tiel vaste trovebla inter esperantistoj, kaj tio pelis min al ĉi tiu alvoko al la legantoj de ETNISMO kaj al la membroj de la Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj ( IKEL ) por ke ili iĝu fakdelegitoj pri etnaj problemoj. Ĉefe tiuj homoj, kiuj loĝas en minoritataj regionoj kaj mem apartenas al etnaj minoritatoj, devus montri sin en la paĝoj de la jarlibro. Memoru ke la jarlibro estas la plej konata kaj uzata kontaktilo en la esperantlingva komunumo kaj ĝi restas en la manoj de miloj da homoj dum tuta jaro. La unua klopodo de ekzemple dana esperantisto, kiu deziras iel scii ion ekzemple pri galegoj, certe estas foliumado de la jarlibro en la koncernaj paĝoj. Nur ricevinte negativan respondon, li plue serĉas en aliaj direktoj.

Mi ne plu insistos pri la graveco de ĉi tiu afero, ĉar ĝi estas memevidenta. Mi aldonu nur ke en la nuna momento, kiam UEA pli vastskale interesiĝas pri etnaj demandoj kaj Esperanto (vidu en aliaj paĝoj raporton pri la ekskurso al la Åland-insuloj okaze de la UK de Stokholmo), estas eĉ pli grave por ni reprezentiĝi en la jarlibro.

Ĉiujn necesajn informojn donas la Centra Oficejo de UEA (Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam), kies nova komputilo jam pretas por nova fakindekso.

Renato Korseti
Vicprezidanto de IKEL

## 2. ETNAJ DELEGITOJ EN I K E L

La estraro de IKEL serĉadas personojn kiel pretas transpreni la funkcion de delegitoj el, pri kaj por la diversaj etnaj grupoj. Tia delegiteco, kiun ne mencias la IKEL-statuto, celas jenon: (1) kolekti ĉiajn materialojn pri la respektiva etno, (2) laŭeble prepari tiujn materialojn por publikigo (normale en ETNISMO, eventuale forme de aparta broŝuro), (3) interveni ĉe lokaj, regionaj, tutŝtataj kaj aliaj instancoj koncerne plibonigon de la situacio de la koncernata(j) etno(j), (4) varbi membrojn por IKEL informante, ĉefe inter la uzantoj de la Internacia Lingvo, pri la celoj kaj agadoj de IKEL. Grupo de minimume 5 IKEL-membroj el sama etno rajtas (laŭ estrara decido) pri parto el la buĝetsumo por regiona agado. Do, anoncu vin por efike plivigligi nian Komitaton! Skribu al:

INTERNACIA KOMITATO POR ETNAJ LIBERECOJ
Feldstr. 38, D-5190 Stolberg-Vicht

---

**Etnismo** *Informilo pri etnaj problemoj*

Eldonas kaj redaktas: Uwe Joachim Moritz, Feldstr. 38, D-5190 Stolberg (FRG), tel.: (49-2402) 72336, poŝtĝirkonto: 232612-306 Hannover.

ETNISMO aperas 3 fojojn jare. Tiu ĉi estas la dua numero de 1980.

Jarabono (kalendara jaro): 10,-- gm (aŭ 11 internaciaj respondkuponoj).
(La IKEL-kotizo de 20,-- gm jam inkluzivas la abonon de ETNISMO.)

Nepre NE sendu ĉekojn sen antaŭa interkonsento! Evitu BANKAJN ĝirojn el eksterlando, ĉar mia banko kutime subtrahas konsiderindan parton el la ĝiraĵo/ĉeksumo kaj ... ETNISMO suferas altigon de la jama deficito!